„Mutig vorwärts!" **Aŭstria Esperantisto** „Kuraĝe antaŭen"

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

9a jaro. N-o 10 — Monata — Oktobro 1932

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ S 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

A. Thorburn, Mitglied der Universität in Birmingham (England), ein bekannter Sprachwissenschaftler, hat auf seiner Reise durch Sowjet-Rußland festgestellt, daß Esperanto in Rußland ebenso verbreitet ist wie die deutsche Sprache.

Die prov. **Regierung von Brasilien** hat dem Brasilianischen Esperanto-Verband eine Jahresunterstützung gewährt.

**Das Flugzeug im Dienste des Esperanto.** „Aero Club Argentine", Buenos Aires, hat über Anregung seines Mitgliedes Rodolfe G. Bosch einer Bitte der Argentinischen Esperanto-Gesellschaft zugestimmt, durch ihre Flugzeuge 30.000 Werbeblätter für Esperanto und Esperanto-Kurse über der Hauptstadt abwerfen zu lassen. Ein nachahmenswertes Beispiel.

### Nach 20 Jahren.

Im Jahre 1912 sprach der Vertreter Frankreichs beim Internationalen polizei-kriminellen Kongreß, Mouthon, für die Annahme des Esperanto.

Im Jahre 1932 übernahm der Staatsrat Mouthon die Ehrenpräsidentschaft der Vereinigung der esperantistischen Polizeifunktionäre Frankreichs und seiner Kolonien, welche das Ziel verfolgt, die von ihm vor 20 Jahren lancierte Idee ihrer Verwirklichung zuzuführen.

(Aus „La Tribune Espérantiste", Strasbourg)

Der Privatdozent an der Universität Genf Dr. **Privat**, der den großen indischen Freiheitskämpfer Gandhi auf seiner Europareise als Dolmetsch begleitete und dann mit diesem nach Indien ging, hielt an der Universität Delhi, der Zentralhinduuniversität Benares und in Madras sowie an anderen Orten Vorträge über Esperanto mit dem Erfolge, daß überall Vereinigungen zum Studium der Welthilfssprache gegründet wurden.

Die in Warschau erscheinende medizinische Zeitschrift „**Kvartalni Kliniczny**" bringt nach jedem Originalaufsatz eine Zusammenfassung in Esperanto.

Im Jahre 1931 sandten **125 Rundfunkstationen** in 25 Ländern Esperanto-Darbietungen.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**

**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h kaj 6. nov. 9—12 h.

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·50)**

456. Pawlik Rud., fervojisto, Knittelfeld; 457. Benárd, d-ro Agóst, eksministro, Budapest; 458. Szász Béla, ferv. inspekt., Budapest; 459. Hans Jakob-Notz, dir. de UEA, Genève; 460. Diendorfer Felicitas, Budapest; 461. Rab Géza, verkisto. Szeged.

**Grupoj ktp. kiel membroj por 10 jaroj** (la sama kotizo):

30. Svisa Esperanto-Asocio, St. Gallen.

**Donaco:** f-ino Tony Brouwer, Haag, Nederl., S 14.75.

Nia **reprezentanto** por Hungarujo estas d-ro P. Szöcs, kiu jam sukcesplene eklaboris.

**Materialo ricevita:**

136. H. Oberländer v. Sternberg, Czortkow; 137. prof. G. Waringhien, Lille; 138. prof. E. Deligny, St. Omer; 139. Norvega E-Ligo, Oslo; 140. R. K. Strang, Glasgow; 141. k. 196 d-ro F. Szilagyi, Budapest; 142. H. Sentis, Grenoble; 143. d-ro Ernö Sös, Budapest; 144. J. H. Krestanov, Pirdop; 245. G. J. Degenkamp, Utrecht; 146. k. 156. Nova Kulturo, Bugas; 147. Arbeiter E-Bund, Berlin; 148. Mavro Ŝpicer, Zagreb; 149. M. F. Onnen, Haag.

Prezidanto de Respubliko Aŭstrio
s-ro **Wilhelm Miklas**
la 15. de oktobro fariĝas 60-jara.
Elkoran ĝratulon!

Intern. Centra Komitato de la Esperanto - Movado, Genève,
Internacia Esperanto - Muzeo, Wien,
Aŭstria Esperanto-Asocio.

---

Elkoran kondolencon
al la granda hungara nacio
okaze de la morto de
**Grafo d-ro Kuno Klebelsberg,**
Membro de nia Int. Honora Komitato.

Internacia Esperanto-Muzeo

---

## Profesoro d-ro Theodor Innitzer ĉefepiskopo de Wien.

**Wien, 20. septembro 1932.**

El „**Reichspost**": Hodiaŭ la Papa Ambasadoro ĉefepiskopo d-ro Sibilla faris sian viziton ĉe kanceliero d-ro Dollfuß kaj donis al li la oficialan informon, ke Sankta Patro estis elektinta la universitatan profesoron, iaman ministron d-ron Theodor Innitzer ĉefepiskopo de Wien."

Ĉefepiskopo d-ro Innitzer estas el la germana parto de Bohemio, naskiĝis 1875 en Weipert, frenkventis la gimnazion en Kaaden kaj venis al la teologia fakultato de la universitato en Wien. 1902 li ricevis la sacerdotiĝon. Unu jaron li estis sub-paroĥestro en Pressbaum, preskaŭ 30 jarojn li instruis; 1903 li fariĝis studoprefekto en la pastra seminario, poste vicrektoro; 1906 li fariĝis doktoro de la teologiaj sciencoj; 1910 direktoro de Kor-Jesuopreĝejo. De 1908 li estis privatdocento de novtestamenta ekzegezo; 1913 li jam estis profesoro.

Aro da verkoj kaj broŝuroj eliris sian plumon. Li ĉiam flegis la sciencan esploradon de Palestino kaj ankaŭ estas kuratoro de la aŭstria pilgrimejo en Jeruzalemo. Li faris kelkajn vojaĝojn al la Sanktaj Lokoj. Kiel ĝeneralsekretario de Aŭstria Leo-Asocio li havas multajn meritojn pro la zorgado pri ĉiuj specialaj fakoj de katolikaj sciencoj.

Pro sia jardeka funkcio kiel profesoro d-ro Innitzer tre bone konas grandan aron da eklezluloj de sia diocezo. Li ĉiam estis amiko kaj gvidanto al siaj studentoj, kiujn li ofte helpis en malfacilaj situacioj. Depost 13 jaroj li estas direktoro de Tomas-kolegio, kaj tie li loĝas en du malgrandaj ĉambretoj tre modeste konforme al sia personeco. Ne preterpasas eĉ unu kvaranhoro, ke ne iu vizitanto venas. Profesoro Innitzer mem malfermas, servistaron li ne havas. Kaj plej ofte la vizitanto bezonas konsilon kaj helpon — kaj ili ĉiam ricevas la bezonatan. Mi spertis tion, kiam mi antaŭ 2 monatoj estis je vizito ĉe eksministro d-ro Innitzer.

Ĉiam venis personoj kaj plejofte ili petis monon por iu bonfarema celo — kaj d-ro Innitzer donis kaj donis. Tiam li diris al mi: „Mi mem suferas multe sub la nuna ekonomia krizotempo. Kvankam mi elspezas ĉiun monaton miajn tutajn enspezojn preskaŭ nur por helpi, mi tamen ofte ne povas helpi, kie mi deziras tion fari." Kaj je mia demando, ĉu s-ro la prelato en ĉi tiu jaro vizitos sian patrourbon, li — kiu fordonis sian monon por la mizeruloj — diris al mi: „Mi ne havas la monon por tia vojaĝo".

Trifoje li estis dekano de la Teologia Fakultato en la Universitato de Wien kaj 1928/29 li fariĝis rektoro de la Universitato, amata, ŝatata kaj estimata de la studentaro.

1929/30 li estis ministro de sociaj aferoj en la ministraro de d-ro Schober. Antaŭ kelkaj semajnoj li donis al d-ro Schober la lastajn sakramentojn.

Plej intiman personan amikecon li havis al mortinta ekskanceliero d-ro Ignaz Seipel.

Al la katolika popolo de Aŭstrio la Ĉefpaŝtisto estas bone konata kaj ĉie — sur la stratoj, en la kafejoj ktp. — oni povis aŭdi nur dankvortojn al la Papo kaj esprimojn de kontenteco pri la elekto de la nova ĉefepiskopo.

Por ni esperantistoj la elekto de d-ro Innitzer estas tre grava. Post la granda perdo, kiun Esperanto havis

pro la morto de kardinalo d-ro Piffl, ni nun havas en nia nova ĉefepiskopo varman favoranton al la ideo de Esperanto, al kiu interesigis d-ron Innitzer s-ano Frey kaj mi. D-ro Innitzer ankaŭ vizitis la Internacian Esperanto-Muzeon la 23. de februaro 1931. La 10. de junio prelato Innitzer ĉeestis la solenan fermon de la Morariu-kursoj kaj estis fotografita inter la ĉeestinta esperantistaro.

La tutmonda esperantistaro elkore salutas la novan ĉefepiskopon de Wien, d-ron Theodor Innitzer.

Int. Esp. Muzeo: Steiner.

---

Elkore ni salutas la novan policprezidanton de Wien, kiu sendis jenan tre ĝojigan leteron:

Policprezidantejo de Wien. La Vicprezidanto. Wien, la 11. de septembro 1932.

Al Internacia Esperanto-Muzeo en Wien, I.

Plej kore dankante pro la transsendo de la nekrologo en Heroldo de Esperanto pri la elmondiĝinta s-ro kanceliero kaj policprezidanto D-ro Schober mi havas la honoron informi vin, ke mi volonte estas preta, daŭrigi la tradiciajn bonajn interrilatojn inter polico kaj la Esp.-movado kaj doni al ĉi tiu por la internacia interkompreniĝo tiel grava movado ĉiun eblan akcelon en la kadro de mia ofico . . .

Kun certigo de mia speciala altestimo

Dr. Brandl m. p.

---

La Direkcio Wien laŭ ordono de Generaldirekcio de Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj publikigis jenan sciigon:

**Oficiala Informilo de Federacia Fervojdirekcio Wien**

4-a peco. N-ro 13560.

Wien, la 5. de septembro 1932.

**Esperantokursoj.**

Al la prezidanto de Internacia Esperanto-Muzeo en Wien, s-ro reg. kons. Hugo Steiner, estis donata la permeso gvidi E-kursojn ĉe niaj Wien-aj deĵorejoj.

La kursoj daŭros je ĉiusemajna unufoja instruado po du horoj ses monatojn, komencos supozeble komence de oktobro kaj estas gvidataj en la tempo post finiĝo de la deĵoro. La deĵorejoj, kie la kursoj estu farotaj, estos fiksataj laŭ la alvenintaj sinanoncoj.

De ĉiu partoprenanto de ĉi tiuj privatkursoj estos pagata kotizo da S 12.— por la tuta kurso.

Konsiderante la gravecon, kiun oni devas atribui al Esperanto kiel internacian interkomprenilon, ni rekomendas speciale al ĉiuj fervojistoj, kiuj venas en kontakto kun la fervoj-uzantoj, la studadon de Esperanto kaj sugestas al ili, uzi la al ili donitan okazon, ankaŭ pro tio, ĉar la instruplano estas tiel farita, ke la partoprenantoj de la kursoj povos montri post finiĝo la por la uzado dum deĵoro necesajn sciojn en ĉi tiu kompreniĝilo.

Sinanoncoj por la kursoj estu sendotaj ĝis plej malfrue la 15. de septembro 1932 pere de la deĵorestroj al la administra sekcio de Federacia Fervojdirekcio Wien.

Partoprenantoj, kiuj jam havas sciojn pri Esperanto, tion indiku en siaj anoncoj.

---

Kursoj nun komencos. Ni povas esti fieraj pri la sintenado de la Aŭstriaj Fervojoj, kiuj donis vere imitindan modelon.

*

## Alparolo

farita de la mortinta kardinalo d-ro Piffl okaze de la malfermo de IX. Katolika E-Kongreso en Wien, 7. aŭgusto 1924.

(Laŭvorte tradukita el la germana teksto.)

Tre estimataj gesinjoroj!

Akceptu mian koran dankon pro viaj afablaj vortoj de bonveno. Mi certe ne bezonas certigi vin, ke mi volonte venis al via unua kunsido, ĉar mi scias alte taksi la valoron de la mondlingvo Esperanto. Mi faris tion speciale konsiderante niajn nuntempajn cirkonstancojn. Ni vivas en tempo, kiu havas la taskon transpontigi, kunligi, krei atmosferon de fido inter la popoloj. De la fido al la amo nur estas unu paŝo. Fari ĉi tiun laboron de amo estas antaŭ ĉio la afero de la katolikoj de la tuta terglobo, de tiuj katolikoj, kiuj jam pro fio estas destinataj por la granda tasko de paco, ĉar unu kredo, unu ofero, unu estro ilin kunligas plej intime. En neniu alia religio la juvelŝtono de la unueco tiom belege elbrilas el la kronjuvelaro kiel en la katolika eklezio. Al ĉi-tiu unueco venu ankoraŭ la unuiga rubando de interrilata lingvo. Ĉiujn respekton kaj estimon al sia gepatra lingvo! Sed ni bezonas en la nuntempo interligan, interrilatan lingvon kaj tiu estu Esperanto.

Antaŭ nelonge mi venis de Eŭkarista Kongreso en Amsterdam. Tie oni uzis gravan, novan, modernan

interkomprenigilon, la tiel nomitan laŭtparolilon, kiu ebligis, ke paroladoj tute mallaŭtaj estis komprenataj klare en la tuta stadiono, ke pere de la moderna invento ĉiuj paroladoj el la stadiono povis esti aŭdataj ĉie kaj ke la rosario, kiu estis preĝata en la la stadiono, povis esti kunpreĝata en la tuta urbo. Kial mi tion menciis? Ĉar mi havis la ideon, ke ĉi tie estis okazinta nova pentekosta miraklo, ke en ĉiuj katolikaj, internaciaj kongresoj Esperanton, devus esti parolata Esperanto. Kvankam la internacia karaktero de la kongreso montriĝis en tio, ke oni parolis en ĉiuj lingvoj; sed se oni estus parolinta en Esperanto, oni ne nur estus aŭdinta la paroladojn en la tuta urbo, sed ankaŭ kompreninta.

Mi salutas vian kongreson, deziras al ĝi grandan sukceson kaj donas mian benon.

---

### Esperanto-Instituto por la Germana Regno.

Leipzig S 3, Pegauer Str. 8.

La longjara direktoro, nia altŝatata prof. d-ro Dietterle, jam antaŭ 1 jaro petis, ke la direktorio konfidu lian postenon al alia gvidado.

Tiu ĉi nova direktoro nun estis elektita en s-ano d-ro fil. Max Friedrich Schreiber, docento en la pedagogia instituto en Leipzig.

Ni elkore salutas la novan gvidanton kaj deziras viglajn interrilatojn inter lia Instituto kaj ni. IEMW

## En 1933 al Köln.

Tie okazos la XXV. Univ. Esp.-Kongreso.

La fame konata katedral-urbo ĉe Rhein direktas al la tutmonda espistaro plej koran inviton!

Al ĉi tiu kongreso IEMW aranĝos karavanon per aŭtobusoj, al kiu jam anoncis sian aliĝon s-anoj el Budapest kaj Bratislava.

Informojn donas IEMW. Ne forgesu respondafrankon!

---

### Intern. Konferenco de Minoritanoj.

En la 1. Int. Lingva Konferenco en Arnhem la penso estis eldirita pri Konferenco de Minoritanoj, por pridiskuti lingvajn, kulturajn, jurajn kaj aliajn problemojn ĉe minoritoj kaj popoloj renaskiĝantaj el subpremadoj kaj jugoj ĉiuspecaj, uzante Esperanton kaj tiel evitante altrudon de iu lingvo.

La flandroj jam anoncis sin; kiuj aliaj interesiĝas? Skribu, ankaŭ pri programo kaj organizo, al Delfi Dalmau, strato Valencia 245, Barcelona (Katalunujo).

### Framasonaro kaj Esperanto.

La Granda Loĝio de Respubliko de Kolombio

konsiderante:

ke la adopto de int. lingvo alportos efektivan utilecon por faciligi la interrilatojn inter Grandaj Loĝioj, Loĝioj kaj framasonoj tra la tuta mondo;

ke neniu el la naciaj lingvoj povus dece plenumi la rolon de internacia, ĉar komprenebla ĵaluzo de popoloj tion malpermesus;

ke, eĉ se oni akceptus nacian lingvon kiel internacian — kaj tio estas neebla — la problemo de facila interkompreno restus nesolvita, ĉar ĝia lernado daŭros tre longan tempon;

ke oni devas akcepti neŭtralan lingvon, kiu ne nur estas facila, riĉa kaj bela, sed estas uzita dum multaj jaroj kaj ne instigas ĵaluzon inter la popoloj;

decidas

inviti la tutmondan framasonaron adopti kiel interkomunikilon la intern. lingvon Esperanto.

Bogotá (Kolombio), 7. marto 1932.

Marco Tulio Amorocho, Granda Majstro

Salvador E. Iregui, Granda Kanceliero Sekr.

### Mozaiko el Aŭstrio.

La malgrandan vilaĝon Sulz-Stangau atingis severa rezolucio, kiu ordonis elspezoŝparon. Laŭ tiu ĉi ordono la maljuna leterportisto de la vilaĝo — kontraŭ sia volo — estu pensiata kaj anstataŭ li dungata servisto kun pli malgranda salajro.

Inter la konkurantoj por la nova servoposteno troviĝas ankaŭ la edzino de la maljuna leterportisto. La elekto trafas ŝin. — Sed la leterportista paro trovas pli ĝuste kaj multe pli praktike, se la edzino plue prizorgos la dom-mastrumadon kaj la jam pensiita edzo anstataŭ ŝi kiel jam de 40 jaroj plue prizorgos la leterportistan servon.

La priŝpara ordono do kaŭzis la sekvantajn konsekvencojn:

1. La Sulz-Stangau-anoj ankaŭ plu havas sian maljunan leterportiston.
2. La enspezo de la leterportista familio iom plialtiĝis, ĉar la pensio de la edzo kaj la poŝtservista salajro de la edzino kune estas iom pli ol estis la leterportista salajro antaŭe.
3. La elspezoj de la ŝtato nature ankaŭ pli altiĝis iom.

Tamen tiu ĉi afero estas priopiniata en Aŭstrio kiel ŝparo.

Laŭ USE-Eĥo el „Simplicissimus".

Represo permesata!

# Sonanta papero.

De stud. fil. Hans Höfer, Wien.

En la lasta tempo sub la titolo „Sonanta papero" oni ofte aŭdis muzik-disaŭdigojn per Radio-Wien, por kiuj la fiksigo kaj resonigo okazos laŭ nova, interesa procedo de Wien-a univ. profesoro d-ro Hans Thirring, kies fizike-teknikaj bazoj estu jen priparolataj.

En duobla senco la moderna tekniko plilarĝigis la limojn, kiuj estas metitaj al la parolata vorto: la senfadena telefonio ebligas, sendi la sonon per elektraj ondoj en grandan malproksimon, la sonfilmo konservas la plej etan sonon por senlima tempo kaj ebligas ĉiumomente ĝian senŝanĝan resonigon. La evoluo de l' sonfilmo estas intime ligita kun tiu de l' gramofono, ĉar nur la plibonigo de la gramofono interlige kun la sukcesoj de Radio igis vivkapabla unu de la formoj de l' sonfilmo, la nadlosonfilmon. Nur ĉar la gramofona fiksigo okazis elektravoje per mikrofono kaj Radio-plifortigilo kaj la gramofona resonigo per elektra sonĉelo, plifortigilo kaj laŭtparolilo, oni povis atingi la por la sonfilmo necesan perfektecon de la sonprezentado.

Sed krom la nadlosonfilmo ankaŭ alia, en kelkaj rilatoj ĝin superanta sistemo, la lumsonfilmo, estis evoluata, ĉe kiu la sono estas fotografie fiksata sur mallarĝa randostrio de l' filmo. El ambaŭ kutimaj specoj de lumsonfilmo, la perintenseca kaj la transversala sistemoj, nur la lasta estu pli detale klarigata, ĉar speciale ĉi tiu estas ankaŭ la fiziketeknika bazo de l' „sonanta papero".

Ĉe parolado en la mikrofonon de la fiksiga aparataro kiel ĉe la telefono aŭ ĉe ĉiu Radio-disaŭdigo konstantaj elektro-fluoj de generatoro estas plifortigataj respektive malplifortigataj laŭ la ritmo de l' aero-osciloj, kiujn la sonoj kaŭzas. Tiuj ĉi ŝanĝiĝantaj mikrofon-fluoj estas kondukataj tra nur 0,1 mm dika, inter la polusoj de magneto streĉe fiksita, metalkordo, kiun la fluoj laŭ la konataj leĝoj de l' elektro forlokigas el ĝia ekvilibra pozicio konforme al la elektra forto. La kordo en neinfluata pozicio kovras la duonan longon de 0,01 mm larĝa kaj 3 mm longa fendo, lumigata per forta lumfonto, je kiu estas preterkondukata transversale al ĝia longdirekto la filmo. Se la kordo svingiĝas, pli- aŭ malpligranda parto de la fendolongo estas liberigata. En stato sensona la kordo restas senmova kaj tial la randostrio de la fotografie rivelita filmo aperas duone nigrigita. Sed, se sonondoj trafas la mikrofonon, la kordo svingiĝas pro la estiĝantaj elektraj puŝoj kaj la filmo post la rivelo montras ondoforme zigzagan sonpostesignon Ju pli laŭta estas la akceptata sono, des pli altaj la korelativaj linipintoj de la sonskribo; kaj ili situas des pli malvaste unu apud la alia, ju pli alta sono estis akceptata.

Por reprodukto la senpostesignaro de l' filmo preterkondukata en sonfilmaparato estas tralumigata per forta lampo. La lumo trairinta la filmon, trafas lumelektran ĉelon. Tiu estas aparato, kiu en malhelo kontraŭstarigas al elekra fluo tre grandan resiston; sed, se lumo trafas ĝin, ĝia elektra kondukpovo pliiĝas paralelmezure al la lumforto. Ĉi tiun econ oni eluzas por transformi lumŝanĝiĝojn en tiajn de elektra fluo. La ĉelo estas ligita al elektra generatoro kaj la preskaŭ ne rimarkeble malforta fluo, kiu trafluas ĝin en stato de malhelo, estas kondukata tra plifortigilo al laŭtparolilo. Se la tralumigita sonpostesigno estas egale larĝa, kio signifas sensonecon ĉe la akcepto, la trairinta lumo montras konstantan helecon. La elektrofluo restas konstanta kaj la laŭtparolilo silentas, sed, se la sonpostesigno konsistas el liniopintoj, heleco-ŝanĝiĝoj ekestas, kiuj influas la elektrofluon trairantan la ĉelon tiamaniere, ke ĝi perfekte egalas al la mikrofonaj fluoj dum la akcepto. Ĝi nun kaŭzas post taŭga plifortigo la naturkonforman reprodukton de la „fotografita" sono en la laŭtparolilo. Dum la plej multaj sonfilmsistemoj por reprodukto de l' sono uzas tiel normalan fotoĉelon, Wien-a sonfilmentrepreno „Selenophon" lum- kaj sonbildsocieto, uzas selen-ĉelon, per kiu la elektra rezistŝanĝiĝo de seleno, kemia elemento, parenca al la sulfuro, servas pere de la lumo por moduli la elektran fluon.

Se oni ĉe normala sonfilmo la bildon lasas for, restas nur perluma gramofono. „Selenophon"-societo konstruis malgrandan, relative simplan aparaton „Selenophon-Piccolo", per kiu muzikaĵoj, paroladoj ktp.,fiksitaj laŭ la transversalprocedo sur bazo de la ĵus priparolita principo, estas reproduktataj per selen-ĉelo. Por malmultekostigo la kopio estas farata sur longa strio mallarĝa de fotografia papero. Tiu ĉi paperstrio, portanta la sonpostesignaron, estas dum la prezentado per rulaĵoj pretertirata antaŭ la lumpalpilo. Du fortaj lampoj zorgas pri egala lumumo. Granda parto de la surfalanta lumo estas reflektata kaj projekciata per lenso sur la selenĉelon.

La avantaĝoj de la perluma gramofono kompare al diskoaparato eĉ en ties plej moderna formo, estas tre grandaj. La nadla bruo, neevitebla eĉ ĉe la plej bona gramofono, kompreneble tute restas for. Ĉar la supertonoj, kiuj esence difinas la sonnuancojn de muzikinstrumentoj kaj homa voĉo, per la sonfotografio estas pli komplete fiksataj kaj per lum-

elektra vojo multe pli precize reproduktataj ol per gramofondisko, la sonreprodukto estas multe pli laŭnatura.

La ĉefa progreso de la perluma gramofono estas la eblo, atingi longajn ludotempojn sen paŭzo. Dum la reprodukta soniĝo de gramofon-diskoj daŭras proksimume 3 minutojn, paperstrio uzata je longoj da 300 kaj pli metroj sufiĉas por 22minuta prezentado. La plej novaj eksperimentoj celas, anstataŭ fotografie plimultigi la sonbildojn per „offset"-preso kio malplimulte kostas. Nun oni ankaŭ deziras presumi la striojn ambaŭflanke, per kio la duobla ludotempo estus atingebla.

Pluaj avantaĝoj de l' sistemo estas la eblo, facile sen risko de difekto dissendi la striojn, kaj krome malplirapida foruziĝo de l' materialo. Oni ankaŭ ne maltrotaksu la valorajn servojn de la perluma gramofono por Radio. Ĝi igas la sendsocieton nedependa de tempo kaj loko de la Radio-sendaĵo, ĉar la akcepto povas ja esti farata ĉie kaj ĉiam kaj la sendado perradia povas okazi laŭbezone ofte, alialoke kaj aliatempe. Jam dum la kunveno de Ligo de Nacioj en septembro 1931 la plej gravaj paroladoj estis fiksataj per Selenophon-aparatoj kaj poste reproduktataj vespere, kiam la plej multaj Radio-aŭskultantoj aŭskultis.

Se ankaŭ la instalaĵo de perluma gramofono ŝajnas esti pli komplika ol tiu de kutima disko-aparato, ĝi tamen estas pli simpla ol multvalora akceptilo. Ĉiuokaze la perluma gramofono superas certe la disko-aparaton ĉie, kie elektra fluo estas je dispono — ĉi tiu estas por la funkciigo nepre necesa — kaj certe en la „sonanta papero" aperis por la gramofono danĝera konkuranto, kiu eble en antaŭvidebla tempo kaŭzos revolucion en la tuta sfero de l' parolreproduktaj maŝinoj.

## Gravaĵoj.

**Japana Esperanto-Instituto:** Novaadreso: Tokio, Hongoo-Motomaĉi I.

**Hungarlanda Laborist Esp.** Asocio havas nun 30 grupojn; fondita ĝi estis 1914.

**ABF**, la socialista organizo de Svedujo aranĝis en la kadro de siaj studrondoj diversajn lingvokursojn. La plej multe vizititaj estis la Esp.-kursoj, sekvis la anglaj, germanaj, francaj. Tre interese!

**Stork & Komp.**, maŝinfabriko en Hengelo, Nederlando uzas por siaj prospektoj Esperanton!

**„Esperanto-Habana"** estas la titolo de cigaroj, kiun fabrikas Emil Giger en Gontenschwil, Svisujo; la envolvaĵo portas ĉi tiun titolon.

**„Die Hausfrau"**, Wien, Organ der ROHOE, bringt fortlaufend Artikel über Esperanto von Rechn.-Rat R. M. Frey.

**„Die Neue Zeitung"**, 2. X.: Artikolo de W. Mudrak „Gemeinschaftsgeist — Gemeinschaftssprache".

„Ĉu la Okcidento pereos?"

„Ĉu la savo venos el la Oriento?"

„Ĉu flava danĝero aŭ blanka?"

„Oomoto" en sia nova pligrandigita serio respondos tiujn ĉi demandojn. Petu senpagan specimenon de „Oomoto", Kameoka (Kioto-hu), Japanujo.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

**Prüfungen für das Lehramt und den Nachweis des Esperanto**

beginnen am 3. November l. J. mit der schriftlichen Prüfung in der Bundeslehrerinnenbildungsanstalt, Wien I. Hegelgasse 14. Die Zeit der praktischen und mündlichen Prüfungen wird den Prüfungswerbern einzeln bekanntgegeben. Die nach § 4 der Prüfungsvorschrift belegten und mit einem Schillingstempel versehenen Gesuche um Zulassung zu den Prüfungen sind bis längstens 22. Oktober bei der Direktion der Prüfungskommission, Wien I. Burgring 9 (Stadtschulrat), Zimmer 53, einzubringen. Die Prüfungsgebühr von 20 S für die Lehramtsprüfung und von 10 S für die Kenntnisprüfung ist vor Beginn der schriftlichen Prüfung im Prüfungsraume zu erlegen.

## Vizito el Genève.

Dir. de UEA Hans Jakob-Notz vizitis Wien kaj faris paroladon pri la „Graveco de Esperanto" en la festsalonego de la magistrata domo de la IV. distrikto.

S-ano Jakob vizitis ankaŭ la Muzeon kaj fariĝis ties membro.

## Vizito el Budapest.

La 24 sept. alvenis per aŭtoĉaro el Budapest 23 s-anoj, inter ili eksministro d-ro Benárd kaj verkisto d-ro Szilágyi. Vespere okazis granda kunveno kun la Wien-anoj en Prater. La 25. sept. la gastoj estis gvidataj tra la urbo, vizitis IEMW, poste novkonstruaĵojn de urbo Wien kaj fine Schönbrunn, kie en Tirolergarten oni amuzis ĝis vespero. Sekvis kunveno en kafajo ĝis meznokto. Matene de la sekvinta tago ili reveturis hejmen.

Ni tre ĝojis pri la vizito kaj esperas, ke la restado en Wien plaĉis al niaj gastoj.

**E-Diservo kun E-prediko** okazos en Wien ĉiun trian dimanĉon en la monato je la 10h en Kath. Gesellenverein, VI. Gumpendorferstr. 39.

Gmunden: Prez. Wannek antaŭ nelonge vizitis Gmunden kaj interparolis kun tiea samcelano verkisto Lang pro kurso. Laŭ ricevitaj informoj plej verŝajne ekestos kurso en tiu urbo.

Linz: Dum la lastaj semajnoj „Tagespost", la plej legata gazeto, enhavis artikolojn de AEA. Ankaŭ respondon de alia flanko, favora al Ido. Tuj rebatita. Sekvis demando en leterkesto. Mendo de lernolibro ĉe AEA. Dank' al energia propag.-laboro de nia novulo s-ano Pötschke kelkaj librejoj ekspozis E-librojn. Komencis la laboroj por la kursoj.

Siegmundsherberg: Travojaĝante ĉi tiun lokon prez. Wannek parolis kelkajn horojn kun kelkaj anoj de la grupo. La vizito estas instigo.

**‚Labor-Komitato' aranĝas jenajn kursojn:**

Por **komencantoj**: Lunde (l.) kaj vendrede (v.) 7—8 h, I. Hegelg. 14, gvid. d-ro Pfeffer, kom. 17. X.; l. kaj ĵaŭde (ĵ.), 7—8 h, IV. Schäfferg. 3, gvid. dir. Struska, kom. 17. X.; marde (m.) kaj v., 7—8 h, VII. Neubaug. 42 (ĉeflern.) gv. R. Ĉech, kom. 18. X.

Por iom **progresintoj**: m. kaj v., 8—9 h, I. Hegelg. 14, gv. d-ro Pfeffer, kom. 17. X.; l. kaj ĵ. 8—9 h, IV. Schäfferg. 3, gvid. dir. Menacher, kom. 17. X ; m. kaj v., 8—9 h, VII. Neubaug. 42, gv. R. Ĉech, kom. 18. X.

Por **progresintoj**: m. kaj v., 7—8 h, IV. Schäfferg. 3, gv. E. Bernfeld, kom. 18. X.; merkr. 7—9 h, IV. Schäfferg. 3, E-seminario, gv. d-ro Pfeffer kaj E. Werner, kom. 19. X.

Kurso por **E-stenografio**, merkr. 6—7 h, IV. Schäfferg. 3, gv. E. Werner, kom. 19. X.

Gratulon al nia eminenta s-ano **prof. Adolf Hainschegg** okaze de lia eknomiĝo kiel „Studienrat".

---

E-konverzacioj ĉe **„Stafa"**, VII., Mariahilferstr. 120 ĉiun mardon 4—6 h. Gvidanto R. M. Frey.

En salonego de „Stafa" okazis ankaŭ 3 lumbildparoladoj de s-ano kalk. kons. Frey pri „Köln kaj la vidindaĵoj de Rhein-lando". La 4. okazos la 17. X. je 3.30 h en la sama ejo. Senpaga eniro.

---

„Gekamaradoj! **Vizitu la Esperanto-ekspozicion de ALLE okazanta dum 10a septembro ĝis 10a Oktobro 1932 en la salonego de Stafa, Wien VII. Mariahilferstraße 120 (komune kun la laboristaj filatelistoj).** La solena malfermo okazos sabate, la 10. de Septembro, je la 16a, dum ĉeesto de la parlament-prezidanto, k-do d-ro Karl Renner. **Venigu ankaŭ viajn gekonatojn!"**

Mi legis ĉi tiujn liniojn en „La Socialisto" kaj decidis ĉeesti kiel prezidanto de IEMW kaj redaktoro de AE la „solenan malfermon de la Esp.-ekspozicio".

La afero estis iomete alia. Okazis malfermo de filatelista ekspozicio de la laborista filatelista organizacio, kies honorprezidantecon estis akceptinta d-ro Renner. En ĉi tiu kadro estis en du anguloj tabletoj kun E-gazetoj (inter ili „Aŭstria Esperantisto") kaj aliaj aĵoj bonaj kaj decaj afiŝoj ktp. Certe bona propagando por Esperanto, sed . . „ne Esp.-ekspozicio, kiun malfermis d-ro Renner".

La prezidanto de la filatelista laborista organizacio en belaj vortoj parolis mallonge pri la valoro de Esperanto speciale por la poŝtmarkkolektantoj kaj menciis ankaŭ la kunlaboron kun ALLE kaj poste dum la gvidado de d-ro Renner ankoraŭ 3 foje menciis E-on ĉe la du ekspoztabletoj kaj ĉe kolekto de s-ano, kiu estis farinta el poŝtmarkoj la salutvorton „Amikecon". Sed mi ne aŭdis, ke prez. Renner en sia salutparolado aŭ dum la gvidado menciis la vorton Esperanto eĉ unufojon. Tre pripensinde!

Steiner

ALLE aranĝas en ĉi tiu lernojaro senpagajn kursojn por ĉeflernejanoj en jenaj ĉeflernejoj:

III. Hegerg. 20, gvid. Hugo Bohrer;

XIV. Sechshauser Str. 71, gvid. F. Scheibenreiter;

XIX. Kreindlg. 22, gvid. Otto Simon;

XXI. Lor. Kellnerg.; gvid. Fr. Jeitler.

## Ŝercangulo.

**Moderna anonco.**

„Ĉiu persono, kiu abonas nian ĵurnalon por tri monatoj, rajtos pri iu nekrologo ĝis 100 linioj, se li eventuale mortos dum tiu kvaronjaro."

**Grava problemo.**

„Kiom da jaroj vi havas, mia knabo?"

„Mi ne scias. Mia patrino havis dudekses jarojn, kiam mi naskiĝis; nun ŝi estas dudekkvar-jara."

**Kompreneble.**

Vilaĝestro: „Nu, Vilhelmo, kiom da jaroj am havas via patro?"

Vilhelmo: „Pli ol 82 jarojn".

Vilaĝestro: „Li tamen marŝas ankoraŭ tre bone."

Vilhelmo: „Nu, se li nun ankoraŭ ne povus marŝ', li neniam lernus tion."

---

**Tiu ĉi numero** aperas nur 8-paĝa pro tro malgranda abonantaro. Ni esperas, ke en la kursoj nun la novuloj abonos AE, por ke ĝi ne malaperu en sia 10-a aperjaro.

Ni ne plu petas la malnovajn s-anojn, flanke starantajn, por ke ili per abono faru sian devon savi la vivon de la aŭstria organo!

En viaj manoj estas, ĉu la gazeto restos aŭ ne! Agu laŭ via konscienco!

La redakcio.

## Lingvaj demandoj

Red.: D-ro W. Biehler, Graz, Alberstraße 13

§ 3. Ekzistas alia grupo de sufiksoj, kiujn oni uzas por indiki kolektivan kombinaĵon da estaĵoj kaj samtempe por esprimi abstraktajn ideojn. Temas precipe pri la tri parencaj deriviloj **-heit**, **-schaft** kaj **-tum**, kiuj iam estis memstaraj substantivoj. Mi nomis tiujn „vorterojn" parencaj, sed identaj laŭsignife ili ne estas. Unu senco per ĉiuj tri inter ili estas esprimebla, sed ne ĉiam per aldoniĝo al la sama radika vorto, la kolektiva. Oni povas diri „Bürgerschaft" kaj „Bürgertum", sed kutime skribas „Christenheit" kaj „Ritterschaft". La E-sufikso en ĉi ĉiuj kazoj estas la sama: -ar (burĝanaro, kristanaro, kavaliraro). Ankaŭ la ideo de kvalito okaze kombiniĝas kun ĉiuj tri, sed prefere kun **-heit** (samsenca E-sufikso: -ec). Oni povas traduki grandan aron da -ec-vortoj per -heit (modesteco, kontenteco kaj multajn aliajn), sed havus penon trovi germanan paralelon al amikeco (-schaft) aŭ riĉeco kaj reĝeco (-tum). La dusenca vorto „Reichtum" kondukas nin al plia signifo, tiu de objekto, rilatanta al la kvalito, kiun indikas la radika adjektivo. Por tiaj rilatoj ni uzas la E-suf. **-aĵ**. En nia kazo temus pri objektoj, kies posedo faras ilin posedanton riĉa. Ĉe „novaĵo (-heit, -igkeit) pri simple „nova" sciigo aŭ artiklo. La kvalito de tiu „novaĵo" estus ĝia „noveco" (ne provu germanigi!) Ĉi-loke mi atentigu, ke la vorto „Hoheit" aŭ tradukiĝas per „indeco" aŭ per „(lia reĝa ktp.) moŝto".

El la tri unue nomataj sufiksoj nur **-turn** povas indiki ankaŭ agon aŭ procedon kaj tradukiĝi per **-ad** (kreskado). Por esprimi agojn precipe servas la „malbonfama" (kp. Wurstmann) -ung (vidu § 2, noto 1) kp. demandado ktp. La suf. en E kelkfoje forrestas, precipe se temas pri senintence efektiviĝanta procedo (varmigo) aŭ pri la rezulto de ies ago (savo) aŭ pri sentoj de nia animo (espero).

§ 4. Restas ankoraŭ kelkaj sufiksoj priparolotaj: -ei en iam modifita ortografio oni ankaŭ konas en Esperantujo (bakejo, librejo). Sed ĝuste ĉi du lok-indikaj substantivoj montras per sia dusenceco, ke la germana -ei havas minimume **tri** signifojn kaj estas uzata en la senco de tri malsamaj E-sufiksoj. „Bäckerei" ne nur estas „bakejo", sed ankaŭ dolĉa paneto, kiu estiĝas per bakado (do: bak-**aĵo**) kaj „Bücherei" ankaŭ signifas „librokolekto", do libraro.

**-el** en vortoj kiel „Hansel, Kindel, Tüchel" estas identa kun „**-chen, -lein**", (vidu § 2, tria alineo). Sed ĝi ankaŭ signifas instrumenton por fari ion kaj ekzemple en „Hebel" (verba devenaĵo!) tradukiĝas per -il (levilo). (Daŭrigota)

## Rimarkindaj presaĵoj

**La Societo de amikoj (Kvakeroj) kaj ĝiaj esencaj trajtoj.** E-traduko de prelego de Edward Grubb. Eldonita de la Friends Service Council de la Societo de Amikoj, London N. W. 1, Euston Road, Friends House. Prezo afr. 3 pencoj kaj duono. 1931, 20 pĝ.

Pri Kvakerismo aperis ankaŭ „Kio estas la Kvakerismo?", „La Biblio, ĝia karaktereco kaj Inspiro", „La Kristanismo kiel Vivo", „La Kristanismo kiel Vero".

**„Petro"**, kursa lernolibro por laboristoj. Eld Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris 5-a plene reprilaborita kaj kompletigita eldono, 116 pĝ. kun multaj bildoj; prezo 1 Rm, 1932. Helpe de simpla „Ĉefeĉ-ŝlosilo" eĉ memlernantoj povas lerni laŭ Petro.

**„Projekto por organizado de la tutmonda esperantistaro"** de Josef Anglada, Barcelona, Sitjas 8, 3, 1 resp. kup. — La 8-paĝa broŝureto estas verko premiita en I. Literatura Konkurso de Hispana E-Asocio, Sevilja 1928 sub prez. de prof. Cart.

**„Horizons Nouveaux"**, revuo, kiu aperas por franca propagando regule en angla, germana kaj hispana lingvoj, eldonis okaze de la Univ. Esp.-Kongreso en Paris en julio „specialnumeron" sub la titolo „Novaj Horizontoj", tutmonda revuo por franca propagando. Bela kajero, 20 pĝ., kun multaj bildoj. Paris (8), 22 Ave Victor-Emanuel III.

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gemeinschafterheim, Schlüsselhofstr., Fr. (v.), 20 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII., Neubaugasse 25 (Kafejo Elsahof), Mo (l) 19-23 h.

Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann, XVIII., Staudgasse 1, Di (m), 16-19 h.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.